L I B E R T E M P A   N U M E R O.

# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f  G r o e b e l.
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr. 5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro. 7/8    Julio-Augusto 1926    3. jaro.

## S C I I G O J de la E S T R A R O.

La estraro okupis sin en sia lasta kunsido pri la ekonomia stato kaj plivastiĝo de nia klubo. Sekve de la malmulteco de mono en preskaŭ ĉiuj ŝtatoj, la interna klublaborado ŝajne ne progresis. Ankaŭ multaj membroj ne jam pagis la kotizon por la jaro 1926. Tiuj-ĉi membroj denove estas memorigataj por ke ili pagu la kotizon. La fako de la migrandaj poŝtkartoj ĉesiĝis, ĉar la mondpoŝtunuiĝo malpermesis la forsendadon de tiuj-ĉi kartoj. Por revivigi la agadon de la Amikeco la estraro decidis fondi novan fakon E S P E R A N T O „F O T O". Tiu-ĉi fako celas, gajni monon kaj varbi novajn membrojn. En tiu-ĉi eldono troviĝas korekto de la membrolisto. La membroj estas petataj respekti la novajn membrojn, porke ili estu kontentaj de nia klubo.

*

## E S P E R A N T O „F O T O".

[Nova sekcio de la Amikeco.]

La fako E.f. celas interŝanĝi aktualajn fotografaĵojn, kiuj ŝajnas taŭgeblaj por publikigi ilin en ilustr. gazetoj; fotografaĵojn de gravaj okazintaĵoj, [tio estas], grandaj malfeliĉoj, fenomenoj k.t.p., plue fotografaĵojn

de la ĉiutaga, ekonomia kaj politika vivado, rilate al internacia signifo. Precipe oni povas nomi el la apenaŭ pasinta tempo: fotografaĵojn de la renverso en Polujo, superakvig'o en Rusujo, la portugala renversado, bataladoj en Ĥinujo, resume ĉion, kio interesas la publikon. La sendotaj fotografaĵoj provizore estos publikigataj en germanaj ilustr. gazetoj kun la signo Esperanto „Foto". La kaso de la Amikeco ricevos la profiton post kiam oni estas depreninta la elspezojn.

Ĉiu membro de la Amikeco povas farig'i kunlaboranto, tute egale ĉu li estas fotografisto aŭ ne. Gravaj okazindaĵoj ĉiam estas fotografataj kaj estas facile, aĉeti kelkajn fotografaĵojn tuj post la okazo. Estas necese, ko mallonga, bone legebla priskribo en Esperanto estas almetata. La forsendado mem, devas esti farata eble plej baldaŭ, eble per flugpoŝto, al la estro. La elspezoj estos pagataj kun 100% plipago. La sendonto por treege bonaj fotografaĵoj ricevos eĉ monpremiojn. Fotografistoj estas petataj fotografi sur filmo kaj forsendi la filmon, bone ŝirminte, kun la kartono.

Se tiu-ĉi arang'o estos profitebla, speciale delegitoj en aliaj landoj devos zorgi pro la disvastig'o interne de ilia lando. Do estas sag'e, ke ĉiuj membroj, kiuj volas surpreni la oficon kiel „Foto-delegito" zorgu, ke ili plej frue ricevas la adresojn de la ilustr. gazetoj de sia lando, kaj sciigu pri tio al la estro.

La estraro esperas por tiu arang'o de la fako Esperanto „Foto" akceli la aŭtoritaton de la Amikeco, kaj alporti multe da novaj membroj. Ĉiu membro devas fari sian devon.

OBSTINE ANTAŬEN!

La estraro.

*

# A L I I Ĝ O de la M E M B R O L I S T O.

Depost la apero de nia membrolisto jenaj membroj aliĝis:

B U L G A R U J O.

329. Rakitovo-Ĉapiko, s-ro. Georgi Mihajlov.

Ĉ E Ĥ O S L O V A K U J O.

47. Luze n-o. 250, u. Vys. Myta. sinjoro F. Ŝilha, a, b, c, j, k-6.
327. Polička, Jungmanova 325, sinjoro Frederiko Indra, a, b, Mi.-1.

G E R M A N U J O.

321. Apolda, Weststr. 23, sinjoro Rolf Summerer a, b, d, e, f, j, Mi., Se., Y-T., Zum Stein.
191. Koblenz, Schloßstr. 9, s-ro. Julius Voltmer.

H U N G A R U J O.

325. Budapest, IX Rakos 3, III/2, sinjoro Miĥaelo Gasper, a, b, c, e.
326. Budapest, VIII Illès 13, sinjorino, Mario Kovats, c.
266. Budapest, I Delivasut Igazgatosag, sinjoro Emilio Löbl, c. pm. bildflanke pri popolvestaĵoj kun la tuta mondo. Respondas ĉiam.
328. Budapest, I Alkotas-str. 31, III/4. sinjoro Aleksandro Spitzer a, b, e.
331. Kaposvar, strato Cseri ut. 21, sinjoro Aleksandro Szalaj, a, b, c, e, k., l, m, n, Mi, -1.

J U G O S L A V U J O.

187. Split, Lučas (parto de la urbo) Trumbučac 13, s-ro. Katučic Ljubomir, a, b, c, l, -1, 4, 8.

Depost la apero de nia membrolisto jenaj membroj eksiĝis:

Bulgarujo, n-o. 216.
Ĉeĥoslovakujo. n-o 212.
Estonujo, n-o. 297, 319.
Germanujo, n-o. 37, 45, 47, 48, 59, 60, 64, 69, 72, 76, 77, 86, 113, 118, 119, 120, 121, 122, 140, 163, 174, 194, 195, 199, 200, 201, 217, 226, 240, 246, 248, 249, 251, 252, 278.
Svedujo, n-o 87.
Svisujo, 169.

La estro petas forstreki la eksiĝintajn membrojn el la membrolisto.

D U M L A XVIII-a

„Amikeco" estos reprezontata per nia estrarano Leono Funken el Koblenzo (kongresano n-o.143). Vidu la afiŝon en Edinburgo (pro eventuala interkonsilig'o).

*

N O V A M E M B R O.

331. Kaposvar, strato Cseri ut. 11 Hungarujo, s-ro.Aleksandro Szalaj, a,b,c,e,k,l,m,n,Mi. 1.

*

F R A N C U J O.

Champion sciigas,ke li plialtigis siajn prezojn konsidere la malaltig'adon de la franko g'is 50%.Francujo alproksimig'is paŝo post paŝo al stato de inflacio. La projektitaj valorgradoj post la lasta sendpaga altig'o ne jam estas aperintaj, tamen la sendpago laŭdire estos eĉ pli multekosta.

*

P O R T U G A L U J O.

Ĉar la Pombal- kaj batalintomonument'markoj estas nevendeblaj,la interesigantoj farigis per 2 senatoroj leg'projekton laŭ kiu, la Pombal markoj en ĉiuj kolonioj ĉiujare de 1-15 majo devas esti uzataj devige ĉe afranko, g'is kiam ĉiuj estos uzitaj. Sed ĉar la sumo da markoj por ĉiu kolonio estas la sama, sed la konsumo estos tre diversa, tiuj kolonioj,kiuj havas tro multon,devas fordoni la restaĵon al la aliaj kolonioj, resp.al la patrina lando. T.e. ke do ekzemple Moçambique kaj Angola estos venditaj pli frue, ol Timor aŭ Guine. En tiu kazo, Guine resp. Timormarkoj estus uzataj en Angola aŭ Moçambique.

La batalintmonumento-markoj, de kiuj ja nur ekzistas por la patrina lando kaj Azoren po 4 pecoj devos esti reuzataj en la jaroj 1926/27 de 16-20 de novembro. Tio estas signifo por koloktantoj tiele ke la prezoj sendube malaltig'os kaj neniu pagos la duoblan prezon por la Pombal serioj.

# REGULARO.

1.) La Internacia KLUBO por INTERŜANĜO kaj KORESPONDO havas la nomon „AMIKECO" kaj membrojn en la tuta mondo. La sido de la estraro trovig'as en Koblenz, Germanujo.

2.) La Amikeco celas reguli la INTERŜANĜON de ĉiuspecaj kolektobjektoj, aplikante la lingvon „Esperanto", kaj samtempe akceli la Esperantan movadon.

3.) Membro povas ig'i ĉiu bonfama persono Junuloj devas montri skribe la konsenton de la gepatroj aŭ de la zorganto.

4.) Ĉiu membro ricevas la klubgazeton de la sama nomo, kiu aperos monate, kaj la membroliston. – Artikoloj por la klubgazeto de ĉiuj membroj estas dezirataj.

5.) La jarkotizo estas 1 dolaro.La prezo povas esti malaltigata de la estro por landoj kun malbona valuto.

6.) La estraro konsistas el 5 personoj. La prezidanto estas la aganta persono kaj reprezentas la klubon.

7.) Ĉiu membro devig'as. respondi interŝang'-sendaĵojn interne de unu semajno aŭ resendi ilin afrankite al la sendinto. Tiu, kiu ne observas tion aŭ malutilas la klubon, estos skribata sur la nigra listo kaj krom tio povos esti eligata.

8.) Ĉiuj plendoj kaj skribaĵoj koncerne la „nigra listo" devas esti adresataj al s-ro Johann Baum Koblenz, Kastorhof 33.

9.) La en la eldono n-o. 1-3 de la jaro 1925 publikigitaj regularoj ne ostas plu validaj.

Koblenz, la unuan de Junio 1926.

La estraro.

*

## F A L S I G E J O en P R A G forigita.

En Prag oni konstatis societon, kiu imitis la surpresojn kaj dentajn maloftajojn de la ĉeĥoslovakaj markoj kaj vendis ilin, precipe ankaŭ al la eksterlando. Farinto estis Jaroslaw Svanda. La vendon de la markoj, kiel malfalsaj ankaŭ al vendistoj eksportis V. H a v l a s kaj J. S c h w a b.

Estis falsigataj la surpresoj „Posta Cesko-slovenska 1919" flugpoŝto I, eldono Oberschlesien S.O. 1919 kaj la „Budweiser eldono" [Aŭstruja markoj kun leonsurpreso kaj la subskribo „Cesko-Slovensky Stat."]





Abonprezo: unu jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 paĝ'o 4 U.S. Dolaroj, ½ paĝ'o 2 U.S Dolaroj, ¼ paĝ'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝanĝ'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.
Fino de la akcepto de la anoncoj ĉiufoje la 20a de monato.